„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria** „Kuraĝe antaŭen!“

# Esperantisto

**(Österreichischer Esperantist)**

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

Jarabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio Ŝ 4.60, pagebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. Ŝ 2.35, 1/4 j. Ŝ 1.20), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio:** Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

N-ro 4 (119 en la vico). — Wien, la 5. de aprilo 1935. — 12. jaro

## Suverenecon al Esperanto.

La manon al vi, s-ro Hohlov, pro via ĝustatempaĵo! Bone vi trafis fundamentan bezonon kaj nepraĵon de Esperantujo. Ni konsciu videme la neceson forlasi la periodon de provo kaj diletantismo rilate al nia lingvo. Ĉe grava ŝtupo nia suprengrimpo atingiĝas nin, same grava kiel tiu, kiu portis niajn antaŭulojn je la komenco de la jarcento. Tiam ili plejparte pensis pri Esperanto, kiel paperaĵo plejparte, kara afero, kies taŭgecon ili enkore sentis certa, sed kies infanan korpon ili ne volis vidi entrepreni la riskon proprakrure marŝi. Rerigardante, oni iom ridete pensas pri ilia timeto, ke eble ĉe vera parola praktikiĝo ĝi seniluziigos iliajn fervorajn kredojn pri uzebleco.

De tiam ĝi multe progresis, kaj nun neniu dubas pri ĝi tiurilate. Sed, estas ĉe multaj timeto, ke estus tre danĝere lasi ĝin pluen marŝi. Ĝi estas por tiuj, simple helplingvo, koda interkomprenilo, kiun paroli inter aliaj ol alilingvuloj estas neracie. Ili kredas, ke ĝi venkos pro sia utilo sur tiu limigita kampo.

Sed, rigardu momenton la diversajn naciajn lingvojn, kiuj lastatempe liberiĝis el subpremo kaj kultura malŝato de la siatempe superaj lingvoj: Al kiu ŝuldiĝas la nuna florado? Sole al la neŝancelebla fiero de iliaj posedantoj paroli ilin en suverena senco. Fundamenta ŝtono de nacia kulturo estis tiuj lingvoj, por kiu batalis kaj suferis multaj, sciante, ke sole per sia propra lingvo la nacia kulturo estis progresigebla. Ĉu internacia lingvo submetiĝas al la samaj naturaj leĝoj? Jes. Milfoje oni ne dubu pri tio. Homoj altiriĝas al ĝi preskaŭ senescepte pro ĝia simpatieco. Ĉar malgraŭ ĝia praktikeco, estas la kultura ideo malantaŭ ĝi kiu estas la ĉefa instigo.

Al tiuj, kiuj portis nian aferon ĝis la nuna stato, ni etendu niajn sincerajn dankojn kaj laŭdojn. Samtempe, ni petu ilin: ne konservativu. Kiam ili „racie“ diras, ke Esperanto estas sole internacia interkomprenilo, neuzenda inter samlingvanoj, krom ekzerce, ili faras veran malbonon. Multaj aliĝas al la ideo de vivanta lingvo internacia — kaj post la klasoj ili eniras la kluban vivon, por nur vidi, ke tie oni majstre bone ekzercas sin nacilingve! Kia reklamo, kia instigo. Ĉu mirinde, ke multaj suferas seniluziiĝon, kaj ne plu sentas sin altirataj al afero, kies kernan ideon ili antaŭe ŝatis kaj volis ekplenumi?

Jam estas tempo forigi tiun arkaikan pensmanieron. Ĉia kuraĝigo estu donata al tiuj, kiuj deziras laŭeble plenumi la volojn, kun kiuj ili aliĝis al nia movado.

Ni ne timu sekvaĉojn. Esperanto trairis malfacilan periodon ĉe sia naskiĝo, kiam ĝia sorto dependis de evoluigo flanke de homoj senrilate disaj sur la mondo, kun nur etaj ŝlosiloj por ilin gvidi. El tiu dubeŝanca komenco Esperanto sendetrue evoluis, ĝis sia nuna florado — kaj troviĝas en fortika junaĝo. Ĝi ne timu obstaklojn kaj malamikajn influojn.

Laŭeble subtenataj estu la frontuloj de niaj batalantoj, tiuj kiuj vidas en Esperanto suverenan lingvon de internacia, homa kulturo, kaj volas fortiri la infanvestojn fasonitajn en la koda maniero. E. D. Durrant-London

## Aprilo.

(El „Ama Kalendaro“ de „Wachauer Vagantenbrevier“ de V. O. Ludwig. Reinhold-Verlag.)

Jen suno, jen vento,
Sennubec' post nebul'
Ĝoj' post malbonsento,
Jen ama regul'.
Jen fajre, jen froste,
Frostotrem', varmo poste
Jen rid', jen ploremo —
La diablo vin prenu!




**Adreso:** Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.

**Kongreskotizo:** Nur ĝis fino de aprilo Liroj 80 (fam. 48, jun. 32), poste 90 (54, 36) kaj fine L 100 (60, 40).

### Aranĝoj de LKK:

**Vojaĝo tra Italujo:** L 498.—. Por ĉi tiu prezo vi ricevos:

La veturadon de iu itala limo tra Firenze al Roma kaj Napoli kaj reen al iu itala limo (3. klaso).

En Firenze komenciĝas la kongresaranĝoj:

**3. VIII.:** Tagmanĝo en trajno dum la veturado al Firenze; veturo al hotelo, gvidado tra Firenze; 18 h Akcepto en la Urbdomo; Solena Malfermo de Somera Universitato; komuna vespermanĝo; Interkonatiĝa vespero; tranokto.

**4. VIII.:** Matenmanĝo; Diservoj; veturo de la hotelo al la stacidomo; forveturo al Roma en specialaj trajnoj; tagmanĝo en la trajno survoje; en Roma veturo al hotelo; vizito pri Roma per aŭtomobiloj; komuna vespermanĝo; tranokto.

**5. VIII.:** Roma. Matenmanĝo; veturo al Vatikana Urbo; Solena Malfermo de la Kon-

Ĉiu aŭstria esperantisto estu membro de Aŭstria Esperanto-Asocio, **Wien I. Neue Burg.**
Jarkotizo S 2.— (senlaboruloj kaj familianoj S 1.—)

greso; Oficiala Akcepto en Kapitolo; Amuza Vespero; koncerto; tranokto.

6. VIII: Roma. Matenmanĝo; veturo al Roma Forumo; vizito kaj prelegoj pri Roma Forumo (Somera Universitato); komuna fotografado en Forumo; Literatura Vespero; tranokto

7. VIII.: Roma: Matenmanĝo; Internacia Balo kaj Konkurso de naciaj kostumoj; tranokto.

8. VIII.: Roma: Matenmanĝo; veturo al la stacidomo; forveturo al Napoli per specialaj trajnoj; tagmanĝo en la trajno; alveno en Napoli: veturo al la hotelo, vizito pri la urbo per aŭtomobiloj: Oficiala Akcepto; teatraĵo; tranokto.

9. VIII.: Napoli: Matenmanĝo; granda kongresa ekskurso tuttaga: Napoli-Capri (veturo al Pompeji; vizito pri la fama antikva urbo elfosita, veturo al la marbordo kaj enŝipiĝo, ŝipe al Capri, rondveturo, vespermanĝo sur la ŝipo, reveno al Napoli); prelegoj; Mara Noktofesto; tranokto.

10. VIII.: Napoli: Matenmanĝo; Ferma Kunsido de la kongreso.

**Reveturo al iu itala limo.**

**Krozado:**

Prezoj laŭ la kategorio de la kajuto de Liroj 355—715. La manĝoj estas por ĉiuj kategorioj la samaj kaj komunaj

Kion LKK donas por tiu malalta prezo:

10. VIII.: Vespere forveturo al **Siracusa;** vespermanĝo; tranokto.

11. VIII.: Diverso sur la ŝipo; matenmanĝo; prelego en S. U.; tagmanĝo; 15 h **Siracusa;** elŝipiĝo kaj vizito pri la antikva greka urbo; enŝipiĝo; vespermanĝo; forveturo al **Malta;** tranokto

12. VIII.: Alveno en **Malta;** matenm.; elŝipiĝo kaj vizito pri **La Valetta;** tagmanĝo; forveturo al Tripoli: prelego en S. U.; vesperm ; festo sur la ŝipo; tranokto.

13. VIII.: Alveno en **Tripoli;** matenm ; elŝipiĝo kaj vizito pri la araba urbo; tagm. sur la ŝipo; ekskurso al Oazo de Tripoli; vesperm. sur la ŝipo; tranokto.

14. VIII.: Matenm., prelego en S. U.; tagm.; amuzoj kaj danco; surŝipe; vesperm.; tranokto.

15. VIII.: Matenm.; alveno en **Palermo;** elŝipiĝo: vizito de la urbo; tagm ; forveturo al Portoferrajo; vesperm.; tranokto.

16 VIII.: Matenm.: prelego en S. U.; tagm.: amuzoj k. dancoj surŝipe; vesperm.; alveno al **Insulo Elba;** halto en Golfo de **Portoferrajo;** forveturo al Genova; tranokto.

17. VIII.: Matenm.; alveno en **Genova;** elŝipiĝo. Fermo de SU; Oficiala Akcepto en Genova. Libervola reveturo per trajno al iu aŭstria limstacio.

**Pluraj avantaĝoj:** Partoprero en la kunsidoj de UEA, en multnombraj fakaj kunsidoj, en la specialaj fakvizitoj pri muzeoj, hospitaloj, fabrikoj ktp.; favorkotizoj en la partopreno de diversaj kromaj ekskursoj; pluraj fervojaj biletoj je duona prezo por laŭplaĉaj vojaĝoj.

**Kiuj ne partoprenos en la Turisma vojaĝo** (493 L), povas ricevi rabatitajn prezojn en la unuopaj aranĝoj kiuj ne jam estas entenataj en la Kongreskotizo mem.

## Antaŭkongreso en Klagenfurt.

Ni kolektiĝos en Wien kaj forveturos en apartaj vagonoj al Klagenfurt. **Forveturo de Wien 31. de julio je 15 h 30, alveno en Klagenfurt je 22 h 20.** Ni do vidos la belegan regionon dumtage.

**Noktigo en Klagenfurt kaj matenmanĝo.**

1. aŭg.: Antaŭtem. Vizito de la urbo; komuna tagmanĝo; ŝiprondveturado sur Wörter-lago kaj vizito de la belaj lokoj Maria Wörth Pörtschach, Krumpendorf, Velden. Komuna vespermanĝo kaj amuzvespero laŭ karintia maniero kun popolkostumoj **kaj** dancoj kaj kantoj Oficiala salutado. **Noktigo.**

2. **aŭg.** matenm.; frumatene **forveturo al Venezia;** alveno je la 11 h. **Veturo al hotelo, tagmanĝo;** vizito de Palaco **de la doĝoj;** ŝipveturado al Lido kaj reen; **vizito de la urbo;** vesperm.; noktigo.

3. **aŭg.:** *Matenm; vizito de Katedralo;* veturo al la stacidomo per „vaporeto"; forveturo al Firenze, kie ni aliĝos al la itala karavano.

**Kostoj. Klagenfurt:** 2 noktigoj, 2 matenm. laŭ Wien-a maniero; tag-kaj vesperm. (bonaj kaj sufiĉe grandaj); rondveturado sur la lago dum la tuta posttagmezo; amuza vespero, kun ĉiuj trinkmonoj entute aŭ S 21.—.

**Venezia:** Tagmanĝo, vesperm., matenm., noktigo, veturado al hotelo, al Lido kaj reen, al stacidomo; vizito en Palaco de la Doĝoj entute aŭ S 25.—.

**Veturado rabatita:** vi nur aĉetu ĉe la limstacio laŭ via kongreskarto 25 % rabatitan bileton al Wien De tie ni komune veturos kaj ĝuos aŭ 25 % aŭ, se ni es os 50 personoj, eĉ 33 % rabaton ĝis la itala limo. La prezo de Wien tra Klagenfurt al Tarvis ( 25 % ) estas aŭ S 26.—

## Antaŭkongreso en Innsbruck:

**31. julio:** Kunveno je 8 h 30 antaŭ la klubejo de Innsbruck-a E-grupo „Gastejo Grüner Baum", Museumstrasse 35. Vizito de la urbo kun speciala vizito de „Imperiestra kastelo" kun fama preĝejo kaj arĝenta kapelo; komuna tagmanĝo en „Grüner Baum" veturado per aŭtobuso al la malsupro de Patscherkofel per kablofervojo sur la pinton ( 2000 m ). reveturo per kablofervojo kaj aŭtobusoj; komuna vesperm. ĉe familia vespero laŭ Tirola maniero kun popoldancoj, -kostumoj kaj -kantoj; noktigo

**1 aŭg.** Matenm.; irado tra la urbo al fama panormo-bildo pri la batalo ĉe monto Isel, 1805. Reirado al la hotelo; forveturo je la 11 h 25 al Verona laŭ la programo de LKK itala.

**Kostoj:** Noktigo, maten-, tag-, kaj vesperm; imperiestra kastelo, monto Isel, panoramo, aŭtobuso al Patscherkofel, kablofervojo familia vespero kun muziko entute aŭ S 22.50, se almenaŭ 20 pers. partoprenos. Alie plialtiĝos la prezo je S 5.—.

Alvenis jena letero en Esperanto:

Ŝtatsekretariejo por la gazetaro kaj propagando — Roma, 26. marto 1936. Nro 4398

Tre estimata sinjoro,

Ni informas vin, ke la 22. de marto la Italaj Radio-Stacioj komencis disaŭdigi paroladojn en Esperanto, kaj ties celo estas pritrakti la organizadon de la 27-a Kongreso Universala, kiu okazos en Roma la 3. de aŭg. ĝis 17-a.

Pro la graveco de l' kongreso kaj la granda intereso, kiun ĝi vigligis, taŭga propagando agado de Vi mem farota estos oportunaĵo.

. . . Se vi deziras ricevi detalaĵojn pri apartaj aranĝoj ktp. skribu rekte al EIAR „Esperanto-fako", Via Montello, Roma (Radio-stacio).

En la certeco . . . ni Vin salutas samideane La ĝenerala direktoro

*

Ni gratulas la italojn al ĉi tiu granda sukceso!

## Informetoj.

**Aŭstrio.** La oficejo por fremdultrafiko en Super-Aŭstrio aranĝos kune kun Internacia Bruckner-Unuiĝo je honoro al la fama simfoniisto Anton Bruckner fine de julio internacian muzikfeston, al kiu ĝi invitas per E.-leteroj la esp.-istojn kaj speciale la partoprenontojn en la Roma aranĝo. Korespondu en E., ĉar la oficistaro scipovas nian lingvon. *Subskribite:* superaregistara konsilisto d-ro Scheuba kaj dir. F. Laval. Ni raportos pri la aranĝoj en aparta Radio-parolado.

## Wien varbas!

Wiener Fremdenverkehrsstelle (Wien-a Fremdulvarboficejo) eldonis belegan 80-paĝan gvidlibron en germana, angla kaj franca lingvoj, gvidilon modelan por la fremdulvarbado de grandurbo. Tiu ĉi oficejo ankaŭ nun preparas E.-lingvan gvidilon.

**Internacia E.-kurso** en Arnhem, 2.—12. majo, por la geoficistaro de fervojoj, tramoj kaj aliaj trafikiloj, aranĝita de Internacia Cseh-Instituto de Esperanto en kunlaboro kun la direkcio de Nederlanda Fervojaro kaj kun la fak-ligoj en Nederlando. Adreso por aliĝo kaj informpeto: Int. Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstr. 172, Den Haag, Nederlando.

**Norddeutscher Lloyd,** Bremen, tiu fama ŝipkompanio eldonis nun sian trian E.-prospekton, 14-paĝan kaj grandformatan, sub la titolo „Lloyd-Vojaĝoj 1935". Mendu ĝin (germanoj en germana lingvo) kaj montru ĝin al dubemuloj.

Kongreso de **„Internacio de Proletaraj Esperantistoj"** okazos 10.—15. aŭg. en Antwerpen.

**Foiro de Paris,** invitas per 8-paĝa eleganta kaj belege ilustrita faldprospekto kaj ankaŭ per afiŝoj en Esperanto al vizito (18. V.—3, VI.). Mendu ĉe Foire de Paris, 23. Rue N. D. des Victoires, en Esp.

---

**Arnold Behrendt †.**

Vere kruela estas la morto, ke ĝi forrabis ĉiu tiun homon.

Eminenta pioniro en nia movado, LK kaj modela prezidanto de Germana E-Asocio li estis kaj lia nomo restos por ĉiam en la historio de nia movado.

Li estis nobla, bonkora, ĉiam help-preta, ege spritema, bonega oratoro kun ŝajne kruda ŝelo.

Ofte ni estis kune ĉe kongresoj, konferencoj, lastfoje antaŭ 3 jaroj je la fino de mia varbovojaĝo en Berlin kaj mi ĉiam ĝojis esti en lia societo. Trafe li prijuĝis ĉion, precize li prezentis siajn ideojn.

Modela esperantisto!

Nur 58-jara li mortis la 24. de februaro.

Elkoran kondoiencon al la vidvino, al niaj karaj germanaj samideanoj kaj al nia Esp.-movado tutmonda!

IEMW, AEA, AE: Steiner

al la kongreso en Roma kaj niaj antaŭkongresoj.

Sed ni ne povas perdi nian tempon, kiu estas necesa, por prepari nian landon por nia kongreso en 1936.

Tial ni alvokas ĉiujn samideanojn en Aŭstrio jam nun helpi al ni en la preparo de kursoj, komencotaj en aŭtuno. Ni deziras prepari por la aŭtuno almenaŭ 100 kursojn en Aŭstrio kaj presigi jam antaŭ la ferioj afiŝojn kun ĉiuj kursoj, kiujn afiŝojn ni sendos al la diversaj lokoj, kie kursoj okazos, por alfikso. Tio certe instigos multajn aliajn al partopreno en tiuj kursoj.

Por ebligi al ni ĉi tiun laboron ni petas vian kunhelpon. Ĉiuj grupoj kaj izoluloj, kie ne ekzistas grupoj, sendu al ni kiel eble plej baldaŭ raporton pri jenaj demandoj: 1. ĉu kurso estas dezirata, 2. ĉu oni povas kalkuli kun almenaŭ 20 partoprenantoj, 3. ĉu instruisto por la kurso estas en la koncerna loko, kun aldono de lia nomo, 4. kiu deziras kunhelpi en la varbado por la kurso, en la afiŝado de la kursprogramo.

Estas nepre necese eluzi la bonajn ŝancojn, kiujn donas al ni Universala Kongreso en Aŭstrio 1936! Jen en grandaj trajtoj la programo: 1.—8. aŭgusto 1936 en Wien kun ekskursoj al Spitz, Krems, Laxenburg, Mödling, Baden, Heiligenkreuz, Wr. Neustadt, Eisenstadt, Mariazell, Hainfeld, Leobersdorf, Puchberg, Klosterneuburg, Semmering. Krome komuna vojaĝo per aŭtobusoj elegantaj: Salzburg (restado 1 tagon)—tra Salzkammergut (St. Wolfgang, Ischl, Ebensee, Gmunden, Wels) al Linz (noktiĝo, festo)—Melk kaj de Wien al Semmering—Graz (noktiĝo, festo) — Packstrato — Klagenfurt (noktiĝo, festo)—laŭlonge Wörthersee — Villach — Millstatt — Lienz (noktiĝo) —Grossglockner—Zell am See. Do ĉiuj tiuj lokoj kaj ĉiuj, situitaj sur la vojo, havu intereson arangi kursojn.

Skribu baldaŭ, kontribuu vian parton al la sukceso en Aŭstrio. Steiner

---

Koran gratulon al nia pioniro eksprovincialo, konsistoria konsilisto

**P. Franz de Mestan,**

kiu fariĝis la 1. de aprilo 70-jara.

Multajn jarojn li ankoraŭ laboru por nia afero. IEMW, AEA, AE

## Moritz Wortmann †

Ne multaj el niaj esperantistoj havis la plezuron konatiĝi kun Wortmann, kiu estis eminenta esperantisto kaj ankaŭ verkis en Esp. Antaŭ la milito li estis membro de „Unuiĝo Wien" kaj regule frekventis niajn belajn kunvenojn. Tie mi havis la plezuron veni en kontakton kun ĉi tiu nobla homo, kiu modeste, ne publike laboris por E. — Li mortis la 8-an de februaro kiel generalsekretario de Wiener Freiwillige Rettungsgesellschaft al kiu societo li dediĉis sian tutan vivon ekde la fondiĝo, en kiu li mem aktive partoprenis. Ni ne forgesos lin. Steiner.

---

**Koran kondolencon** al:

s anoj kalk. kons. **R. M. Frey** kaj

fakinstruisto **F. Schelbenreiter**

okaze de la morto de iliaj patrinoj. Steiner

---

**Frankenmarkt:** F-ino Russmayr jus finis kurson en tiu loko.

**Innsbruck:** Ĝeneralkunsido. Novelektoj: Roland Kühbacner - prez., d-ro L. Blaas - vicprez., H. Barek kaj E. Pfeiffer - sekr., J Lechner kaj H. Griessenböck - kas. M. Oberbacher - bibl.

**Innsbruck.** S-ano Buenting multe laboris, gvidas kursojn ĉe la poŝto, en Arbeiterkammer, kun skoltoj ktp. En la gazetoj aperis longaj artikoloj: Tiroler Anzeiger „Latein oder Esperanto?" de Studienrat F. Egger en Hall, Volks Zeitung-Innsbruck „Unterhaltung um Esperanto" (tutkolona intervjuo), krome notoj kaj anoncoj en ambaŭ gazetoj kaj Innsbrucker Nachrichten Aliaj imitu!

**Seekirchen:** Dank' al senlaca poŝtofic. Mizzi Offenhauser kurso estiĝis. Gvidas f-ino Umnik el Neumarkt, kiu ne evitas la lacigan veturadon de Neumarkt al Seekirchen. 14 p.

**Lunde: E-S. Danubio**, VII. Lerchenfelder Str. 23, Kafejo Egkher, 20—22 h.

8. IV. R. M. Frey, lumbildprelego „De Athen al Korfu kaj Dalmacio"; 15. IV. Zamenhofa memor vespero; 29. IV. Parolata E-gazeto (I. Wallnerstr. 6) M. R. Frey „Vivo de Petöfy en spegulo de liaj poemoj", Raimund Cech „Aktualajoj", A. Klein „Sporto kaj filmo", P. Glüxmann „Rimaj enigmoj".

**E.-Klub. Wien:** Niaj klubkunvenoj ĝis somero nur okazos la 4. aprilo, 9. majo, 6. junio kaj 4 julio en restoracio Tischler, I Schaufllerg. 4 je la 19 h. Krome ni aranĝos gvidadojn tra la urbo kaj en institutojn je jenaj posttagmezoj ĉiam je la 14 h 30: 13. aprilo, 18. majo, 15. junio kaj 13. julio. Gastoj partoprenu!

**„Weltorden der Freunde Oesterreichs"**, en kiu s-ino Berger paroladis la 25. febr., havas la programon, varbi al Aŭstrio amikojn en alilandaro kaj intencas aranĝi kongreson en junio 1935. La estraro tre interesiĝas pri Esp.

**Wien. Tramvojistoj.** La direkcio de tramvojoj en Wien per „Oficiala Informilo" aranĝis du E.-kursojn, disponipis la direkcian kunsidsalonegon kaj ebligas per dejorŝanĝo la partoprenon ankaŭ al tiuj konduktoroj, kiuj devus dejori dum la instruhoroj. Partoprenas 33 p. Gvidanto kalkulkons. R. M. Frey.

## Recenzejo

### Literatura Mondo, Budapest.

**Hendrik Adamson** „Auli", rakonto pri knabeto, 88-paĝa. Formato 19 . 13·5 cm; broŝ sv. fr. 1.60, bind. 3.—. La sesa libro de AELA 1934.

**Dekdu poetoj.** Redaktis Kalocsay. Poemlibro de Adamson, Hilda Dresen, Price Heywood, Hovorka, Kurzens, Maura, Newell, Nunez-Dubus, Schauhuber, Stillmann, Szilágyi, Totsche. Broŝ. sv. fr. 2.50, luksa 3.20, bind. 4.—, luksa 5.—. Form. 15·5×11·5 cm. La sepa libro de AELA 1934.

**Jelušić:** Cezaro. Tradukis Ivo Rotkvič. Form. 20 . 13·5 cm. Kun bela kovrilpaĝo. 536 paĝoj. Broŝ sv. fr 9.—, bind. 11.—. La tria libro de AELA 1934.

**Theodor Herzl:** La Juda Ŝtato. Trad. Bernhard Selzer. 144 pĝ.; form. 20 . 13·5 cm Arte kliŝita kovrilpaĝo. Broŝ. sv. fr. 2.70, bind. 4.20. Por la membroj de AELA sv. fr. 1.40 kaj 2.30.

**Rainer Maria Rilke:** Leteroj al juna poeto. Trad. A. Münz. 46-paĝa. 20 . 13·5cm. Nur bind. sv. fr. 1.50. Por AELA-anoj nur sv. fr. 0.80.

**Benito Mussolini:** Vivo de Arnaldo. Trad. K. Kalocsay. Form. 20 . 13·5 cm; 106 pĝ. kun kliŝita manuskripto de la testamento de A. Mussolini. Ilustrita kovrilo. Broŝ. sv. fr. 1.80, bind. 3.30, sur luksa papero broŝ. 2.20, tole bind. 4.—. „La E.-eldono de tiu ĉi libro aperas laŭ la propono de s-ro Ugo Vinicio Pacini, per la financaj rimedoj de s-ro Gino Catarzi, per la afabla interveno de E.-Centro Itala ĉe la posedanto de la eldonrajtoj Popolo d'Italia."

Al ĉiuj prezoj aldonu 10 % por sendkostoj!

Legantoj! Vi vidas kiel grandskale Literatura Mondo laboras por E.; ĝi eldonas libron post libro kaj mi miras kun aliaj pri la kuraĝo kaj entreprenemo de ĉi tiuj entrepreno. L. M. havigas al la anoj de AELA ĉiujare bonegajn, tre interesajn, elegante ekipitajn librojn sur bona papero kaj kun bela preso. Ankoraŭ hodiaŭ fariĝu membro de AELA kaj skribu pri la detaloj al Literatura Mondo, Budapest, Mester-u. 53.

Steiner.

**„Hungara Heroldo"**, Budapest X. Pongrác-ut 17 en sia 8. jaro nun aperas kvaronjare po 32 paĝoj, prezo por la eksterlando 4 sv. fr. — Ni gratulas niajn hungarajn s-anojn, ke ili sukcesis sub la lerta redaktado de L. Kökeny eldoni tian belan gazeton, laŭ enhavo kaj amplekso

---

„Ĉu ĝi konvertiĝis?" demandis Van Troop.

„Ĉu ĝi konvertiĝis? Ĉi tiu fibesto kaj konvertita? Ne! Sed miaj edukatoj insultadas kaj blasfemadas kiel ebriaj maristoj en drinkejo."

Van Troop malice ridetis; ŝajnis al li, ke li neniam estus supozanta, ke Miss Edith eĉ ankoraŭ antaŭ tri semajnoj verŝajne apenaŭ estus dirinta vortojn kiel „Fia bestaĉo" kaj „Fibesto." Sed poste li ĉesis rideti kaj serioziĝis, ĉar Miss Edith repostulis sian monon kaj plie kompenson por la morala domaĝo, kaŭzita de Joko.

Van Troop estis holandano; li baldaŭ superis Miss Forest kaj devigis ŝin, forlasi venkite la batalkampon. Kaj poste li skribis al Mijnheer Svantjekop, li povus nun aĉeti Joko-n por 200 guldenoj. Mijnheer Svantjekop senprokraste venis, ekposedis Joko-n kaj metis la kaĝon en la varm-plantejon de sia domo.

Tie ĉi li ĉiutage vere bonhumore staris antaŭ ĝi kaj diris: „Ci, idiota perknoptero!"

„Vi povas min . . . . ! dolĉa karuleto!" respondis Joko.

„Mi tordos cian malbenitan kolon, ci malpurulo!" diris Mijnheer Svantjekop.

„Dia ben', ci idiotulo!" diris Joko.

Ili bonege komprenis unu la alian kaj pasie amis unu la alian.

Trad. Ferd. Fantello.

povas tiam kaj ĉie pretendi sian proprajon. Letero atinginta la adresaton apartenas al tiu-ĉi, ĉar la sendinto volas regule transdoni la leteron al la adresato kiel proprajon. Rilate la leterojn inter gefianĉoj, oni devas pritrakti tiujn leterojn kiel donacajn. Se gefianĉoj donacas ion unu al la alia rilate la estontan edzecon, la donaco estas reprenebla laŭ nia lego, se la edzeco sen kulpo de la donancinto ne ekestas. Tiaŭ nur la senkulpa eksfianĉo prave repostulas la de li senditajn leterojn kaj retenas, se li volas, la ricevitajn leterojn, la kulpa parto devas redoni la ricevitajn leterojn, sed ne povas repostuli tiujn, kiujn li mem skribis. Advokato Dr. Alfred Engländer.

## Sonoj kaj resonoj el la Esperanta Gazetaro.

Redaktas: D-ro Emil Pfeffer.

### „Grupo de esp.-istaj teknikistoj"

jus starigis tradukon de la terminoj de la *VIII-a Volumo de Schlomann, vortaro pri armbetono.* Tiu ĉi traduko estas ekzamenita de la sekcio kaj estos proponita de d-ro Wüster al la eldonisto por estonta eldono Ĝi konsistas el 250 paĝoj kun po 10 esprimoj. Tio montras la amplekson kaj gravecon de tiu verko, por kiu nur 28 novaj radikoj estas proponitaj.

„Bulteno de Int. Scienca Asocio E-ista, Paris"
Januaro 1935

### Epitafoj.

Dum griza novembrotago mi pilgrimis al la granduŕba tombejo kaj en mia notlibreto mi kolektis kelkajn epitafojn . . .

**Sur la tombo de unu el multaj.**

Henriko Ŝaf. - Kruela estis la destin'!
Lin batis sorto kaj edzin',
Sed lia koro lin kompatis
Kaj — ne plu batis . . .

**Sur la tombo de virino.**

Babilla mortis, — do ne strange,
Ke rigidiĝis ŝia sango;
Sed tio tamen ŝajnas strange,
Ke ne moviĝas plu la lango!

**Sed kiu estis tiu ino?**

Ĉi tiu ino dum diboĉo
Avidis buŝojn de pekantoj.
Nun kreskas — malgraŭ la pioĉo —
Sur ŝia tombo . . . nur lekantoj . . .

„La Pirato"-Paris, nov. 1934




Niaj abonantoj bonvolu sendi la verkajojn ĝis 25. de l' monato al AE sub koverto kun la surskribo „Konkurso". La nomon ne skribu sur la manuskripton sed aparte sur papereton.

La juĝantaro (d-ro E. Pfeffer, reg. kons. F. Stengel kaj E. Werner) ricevos la tradukajojn sen la nomoj.

Hodiaŭ ni donas al niaj legantoj alian problemon. Ili verku mallongan 30 — 50 linian humoran rakonteton el sia vivo!

Premioj: 1. Bonhumoro de Paul Nyssens (173 p.) 2. Freude durch Esp. 3. Gvidilo tra Wien (64 p.).

Jen la plej bona traduko:

**La justa juĝisto.**
Ĉina anekdoto.

Koruptebla juĝisto kutimis kelkajn tagojn antaŭ la fiksita procestempo ĉiufoje aranĝi „priparoladon" kun ĉiu el la partoprenantaj partioj. Refoje proceso devis okazi kaj la juĝisto „priparolis" kun la akuzanto antaŭe. La sola faro ĉi-okaze estis, ke tiu ĉi transdonis al li 50 arĝent-taelojn. Kiam la akuzato sciiĝis tion ĉi, li sendis 100 arĝent-taelojn al la juĝisto. Je la tago de l' proceso tuj la juĝisto komencis proklami la juĝon tiamaniere: li deklaris la akuzanton kulpa. Ektimante, tiu ĉi kontraŭmetis al la juĝisto sian manon kun disetenditaj kvin fingroj kaj kriis: „Mi pravas". Sed la juĝisto siaflanke alten levis la ambaŭ manojn kun disetenditaj fingroj kaj vokis: „Silentu, fia fripono, la alia pravas dufoje".

La unuan premion ricevis: Stud. Florian Wimmer, Linz: 2. stud. ped. Josef Wesian, Greisinghof, Prägarten; 3. eksdir. Edmund Dittrich, Wien. — Krome konkursis: E. Pfeiffer, Innsbruck; poŝtof. Kugler, Linz; F. Auer kaj F. Holley, Wien; K. Zwainz, Klein-Winklern, Kärnten; ofic. A. Schwinghakl, Klagenfurt.

## Korespondado

Mallongigoj: P=pkarto, l=letero, I=ilustrita, bf=bildflanke, PM=poŝtmarko.

**Bŏrkop, Danujo. 5 junaj s-anoj kor. Dörfler, Höjskolen.**

**Trostberg 54, Oberbayern, Junuloj kor. UEA-del. Alois Oberhofer.**

**Rostov-Don, USSR. kor., il. gaz., fot. Boris Bograd, Puskinskaja 117, kv. 18.**

**USSR. M. M. Medousov, Tambov, Kronstadtskaja 35, interŝ. insignojn, E-librojn.**




Red. reg. kons. Fr. Stengel.

**En la banejo.**

Kiom kostas la kuva bano?

Unu guldenon.

Bone! Tiam pleniĝu la kuvon nur duone kaj mi pagos duonan guldenon.

(Illustrierte Zeitung)

*

„F-ino Eliza, ĉu vi kredas al amo ĉe la unua ekvido?"

„Ne."

„Tiam ni revidos nin morgaŭ."

*

Instruisto: „Ĉu estas vi, kiu skribis sur la nigra tabulo, ke mi estas azeno?"

Lernanto: „Je ".

Instr.: „Ĝojigas min, ke vi almenaŭ ne mensogas."






Red. Karl Haager.

**Ŝerckalkulo.**

(a—g) + (b—r) + (c—k) + o = x

a = vegetaĵo ombrelforma, multaj manĝeblaj, multaj venenaj; b = teatra verko; c = sudangla distrikto; x = grava verko en Esperanto. (Sen subst. finvokaloj.)

**Solvo el n-ro 3:**
Bern, bero, beno, bano, mano.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Wien I. Neue Burg, Heldenplatz

### Ĉio pro la bono de Esperanto.

Ofte aŭdiĝas ĉi tiu frazo ĉe la esperantistoj kaj certe ili ĉiam elkore diras ĝin! Sed ni forte devas nun en Aŭstrio agi laŭ ĝi!

En pli ol 3 monatoj okazos nia ĉiujara mondfesto en Italujo kaj ankaŭ multaj aŭstrianoj ĝin partoprenos. Kaj en 1936 okazos la sama festo en nia lando. Ni kompreneble nun ne ankoraŭ ekpropagandas por 1936, sed nia tuta propagando estas dediĉata

esto de Miss Edith, ĉar kiam ŝi estis aliloke, ofte ĝia akresona, senbrida kriaĉado penetris tra la tuta domo.

Kiam ĝi dum proksimume du semajnoj obstinis al la konvert-provoj de Miss Edith, okazis je iu tagmezo, ke Lilly, unu el la plej malobeemaj bubinoj inter la edukataro de Miss Edith, forŝovis la teleron kun faba supo — ĉi tiun semajnon jam la trian fojon oni donis fabosupon — kaj diris: „Manĝaĉu ĝin mem!".



Miss Edith unue svenis. Reveninte en la vivon, ŝi aranĝis esploradon, kvankam la eldiraĵo de Lilly je tri mejloj estis rekonebla laŭ tiu de Joko. Jes, estis Joko, kiu tion, kio ne gustumis al ĝi, simple forĵetis el la kaĝo kaj diris: „Manĝaĉu ĝin mem!"

Miss Edith faris al ĝi severan admonon kaj postulis, ke ĝi diru: „Mi estas ĝentila papago." Joko malŝatis ŝin kaj silentis.

**La sekvintan matenon Kaatje ne** povis trovi sian man-saketon. Ŝi kuris tra ĉiuj ĉambroj kaj kriegis: Kie estas mia man-saketo? Malbenita fimalordo!" Ĉi tiun fojon Miss Edith tutan horon estis en sveno.

Tri semajnojn post la akcepto de Joko en la edukejo de Miss Forest venis Miss Edith al Van Troop kaj la domservisto postportis en kovrita kaĝo Joko-n. „Jen, reprenu vian birdon," ŝi diris, „tian fian birdaĉon de papago la mondo ne ankoraŭ vidis."



Burgo Kreuzenstein, burgokorto

estas nur trovebla en la 15. jc. en formo de vitro-diskoj. Antaŭe la aperturoj estis fermitaj per lignaj kovriloj kun lumo-aperturetoj, kovri'aj per oleumita pergameno, glimo-tavoloj ktp. Ankaŭ felojn kaj kurtenojn oni uzis en la unua tempo. La lumigado estis primitiva, unue nur la brilo de aperta fajro kaj de keno-lignetoj, poste simplaj oleo-lampoj kaj sebo-kandeloj. Kiel hejtinstalaĵo servis unue aperta fajro aŭ portebla karbujo, en noblaj burgoj la kamenoj. Keloj, teretaĝo kaj kapeloj ofte estis volbitaj, alie plataj ligno-plafonoj estis kutimaj. La planko estis ŝtona aŭ el brikoj; lignaj nur depost la 16. jc. Ĉe la loĝdomoj estis la necesejo simile aranĝita kiel la peĉonazoj.

Tre grava ejo je la pia sentemo de la burganoj estis la kapelo, ofte kiel aparta konstruaĵo kiel en Liebenfels en Kärnten, en Schaumburg en Oberösterreich, en Kranichberg; aŭ ĝi troviĝis en domo kiel en Petersberg, aŭ en la belfrido kiel sur Starhemberg. La ekipo estis tre varia, ofte nur simpla niĉo. La burgo-kuirejo ofte estis en la teretaĝo de Palas; ofte ĝi estis aparta konstruaĵo kiel en Aggstein, Starhemberg, Guttenstein, Araburg, Petersberg. En la kuirejo estis aperta fajrujo. Apartaj banĉambretoj nur pli malfrue estis konstruitaj.

Krom la jam menciita malliberejo ekzistis sur multaj burgoj ankoraŭ apartaj malliberejoj, kiuj ofte kun ruzega krueleco estis aranĝitaj kiel en Gutenstein, Aggstein ktp.

Grava demando estis la akvoprovizado. En multaj burgoj ekzistis tirputoj, kiuj ofte estis funkciigitaj de malliberuloj pere de levrado kaj ofte estis ege profundaj kiel en Seebenstein. Sur kelkaj burgoj estis nur pluvakvujoj, aliaj disponis pri apartaj akvotubaroj kiel Neukraig kaj Landskron en Kärnten. „Turnir-ludejoj“ ne ekzistis en la burgoj, sed oni tiam aranĝis turnirojn kutime antaŭ la pordego de urbo.

La mito raportas, ke multaj burgoj havis subterajn koridorojn, kiuj interligis kelkajn partojn kaj eĉ la burgon kun la ekstera mondo, kiel en Seebenstein, Hohensalzburg.

Per la diversaj sieĝo-maŝinoj oni kapablis ĵeti multcentfuntojn pezajn ŝtonojn ĝis 200 m kaj ankaŭ brulsagojn je kelkcent metroj. La pafiloj nur estis inventitaj meze de la 14. jc., restis longtempe primitivaj kaj nur la pafilegoj ĉirkaŭ 1500 kapablis kun sufiĉa celtrafeco fari breĉon en la burgoj kaj tiu unua breĉo estis la komenco de la fino de la tuta burgogloro.

Trad. Maria Fiedler.

## Juraj problemoj.

### Rajto je leteroj.

La juristo rigardas leterojn laŭ diversaj vidpunktoj ekz. kiel pruvdokumenton pri ŝuldo, deliktopruvilon pri ofendo ktp. Tiu ĉi artikoleto pritraktu leterojn nur laŭ aŭtorjuraj kaj propraĵjuraj rilatoj. Temas pri la rajto de la leteroskribinto je lia letero.

Aŭtoraj rajtoj je verko ekzistas nur, se la verko estas individueca kreitaĵo, esprimanta penson en aparta formo. La individueca spirita kreo estas la kaŭzo de la aŭtoraj rajtoj de la verkinto.

Ankaŭ letero povas esti objekto de tia aŭtora rajto, se la letero havas la diritan kvaliton, se ĝi senkonsidere al la persono de la skribinto esprimas pensojn de objektiva ĝenerala intereso, unuvorte se ĝi estas literaturverko.

Pri tia letero sole la skribinto aŭ lia rajtoposteulo rajtas disponi dum la jura ŝirmtempo. La ricevinto de tia letero ne povas laŭleĝe publiki aŭ eldoni tian leteron.

Sendube multaj leteroj ne estas indaj por tia aŭtorjura ŝirmo. Leteroj, kiuj enhavas nur senformajn sciigojn pri ĉiutagaĵoj, ne estas konsiderataj de la leĝo kiel aŭtorjuraj protektaĵoj. Tamen ili ne estas tute senprotektaj. Precipe la aŭstria leĝo rekonas modelmaniere interesojn protektindajn, kiuj ne estas nuraj interesoj de la aŭtoro. Nia leĝo protektas ankaŭ leterojn, nehavantajn aŭtorjuran protekton, permesante la eldonon de letero aŭ leteraro sen konsento de la skribinto aŭ liaj heredantoj nur tiam, kiam kaj se la eldono celas respektindan intereson. Se la skribinto konsentas la eldonon, ĉiu letero povas esti eldonata. Se la skribinto ne konsentas aŭ se li malkonsentas la eldonon, gravaj interesoj povas lin instigi al lia sekrettenado. Sed povas ekzisti ankaŭ gravaj interesoj por la eldono flanke de la eldononto. Tiam la leĝo permesas la eldonon, se la eldonintereso estas respektinda. Tia respektinda intereso anstataŭas la konsenton de la leterskribinto.

Kiaj interesoj estas respektindaj? La eldono de letero ekzemple povas esti necesa por sindefendo kontraŭ honoratakoj, pro pruvo de antaŭeco de eltrovo, por savo de reputacio, unuvorte, se la justeco kaj lojaleco aprobas la respektindon de la intereso.

Oni vidas: Nia leĝo, postulante la konsenton de la leteraŭtoro por la eldono, respektas lian personecon, sed permesante la eldonon sen lia konsento atentas ankaŭ interesojn pli gravajn ol lia rajto je sekrettenado.

Diversa de la supre skizitaj problemoj estas la demando pri la propraĵrajto je leteroj. Tiu ne estas nur teoria demando. Oni pensu ekzemple, ke la eksgefianĉoj repostulas leterojn pasinttempe senditajn. La propraĵulo

## Joko estas konvertata.

De Karl Hans Strobl. (Fino.)

„Joko“ kompreneble ĉeestis kaj kondutis, kvazaŭ ĝi dormus. Sed subite ĝi levis la dekstran palpebron, ŝovis sin unu paŝon flanken kaj diris: „Ne babilaĉu, maljuna fi-ulino!“

„Joko, mia bona, kara Joko“, flutdiris ŝi, „vi nun fariĝu ĝentila birdeto.“

„Vi povas min. . .!“, respondis Joko.

„Ci, ci!“ interrompis ĝin Miss Edith kaj mildserioze minacis al ĝi per la montrofingro. Joko bek-kaptis al la fingro kaj poste komencis tiel terure kriaĉi, ke ĝi devis esti eligata. Miss Edith devis fini sian alparoladon sen la ĉefulo.

La sekvintan matenon komenciĝis la edukado de Joko. Oni partoprenigis ĝin ĉe la matenaj preĝo kaj ĥoralo de la internularo. Kaj poste iris Miss Edith al ĝia kaĝo kaj karese flustris: „Diru do ĝentile ‚Bonan tagon', kara, bona ineto mia“.

Joko palpebrumis, ŝanĝis la lokon kaj poste turnis sian dorson al la „ineto“. Ĝi tute ne pensis diri „bonan tagon“. Ĝi ankaŭ ne diris „dolĉa karulineto“ kaj „Dia ben' sur vin!“ kaj kion krome oni postulis de ĝi je karesaj aŭ edifaj eldiraĵoj. Ĝi entute parolis neniun vorton; ĝi estis muta, kaj kion ĝi montris je simpatio por Miss Edith, estis nur silenta malŝato.

Sed ĝi ŝajnis esti muta nur en ĉe-

## Aŭstriaj burgoj.

Disponigita de d-ro Petrin, prezidanto de la oficejo por konservi la monumentojn en Aŭstrio.

Sub la nomo „burgo" ni komprenas generale la fortikitan restadejon de la



Burgo Falkenstein, Karintio

terposedanto en la mezepoko. Primitive la reĝo sola havis la rajton, konstruigi tiajn burgojn. Pli poste ricevis tiun rajton multaj laikaj kaj eklezaj nobeloj. Ĉiu konstruigis burgon, kiu jus havis la sufiĉan potencon. La burgoj celis ŝirmi ne nur unuopajn loĝlokojn sed ankaŭ certajn teritoriojn, trafik- kaj akvovojojn kaj ankaŭ male celis por ilia endanĝerigo.

En la evoluo de la burgo-konstruado estas tri epokoj: La unua ĝis 1200, en kiu la spertoj de la kavaliroj, faritaj dum la unua kruca militiro, influis: la dua periodo, la tempo de la invento de efikaj kanonoj, ĝis la mezo de la 15. jc. kaj la tria ĝis fino de la 16. jc. En tiu tempo okazis la finkonstruo de Hochosterwitz en Kärnten, la plej potenca burgo en Aŭstrio, de Forchtenstein en Burgenland kaj de Riegersburg en Stirio.

Oni diferencigas inter suraltaĵaj kaj akvo-ĉirkaŭitaj burgoj laŭ la maniero de ilia protekto. Ofte tiu protekto konsistis nur en simpla akvofoso kiel en Laa, Heidenreichstein en Niederösterreich, aŭ la burgo estis meze en lago kiel kastelo Orth ĉe Gmunden kaj Kammer en Atter-lago. Speciala variaĵo estas la kavern-burgoj, konstruitaj, utiligante naturan kavernon, kiel Puxer-Loch en Mur-valo, Stirio.

Pli ol la duono de la burgoj ruiniĝis, multaj pro militoj, tertremoj, incendioj kaj pro la „tegmento-imposto" je la fino de la 18. jc., laŭ kiu oni devis pagi imposton por ĉiu tegmento. Pro tio multaj burgo-posedantoj forprenigis la tegmentojn, per kio multaj burgoj ruiniĝis.

Por la konstrumaniero de la burgoj ne ekzistis ĝeneralaj reguloj. La germana burgo konformiĝis al la tereno tiel, ke konstruaĵoj kaj muroj formis burgo-korton.

La ĉefaj partoj de burgo-aranĝo estas la zon-muro kun pordego kaj foso, la palaso, — tio estas la nobela loĝdomo, — kaj la belfrido. La zonmuro ĉirkaŭis la ĉef-burgon kaj estis 3—4 m alta kaj 1 m dika, ofte provizita per defend-galerio kaj murdentoj. De la jaro 1500 la muroj estis provizitaj kun kreneloj. Same el la oriento al ni venis la „peĉonazoj", malgrandaj elstarantaj balkonoj sen planko, tra kiuj oni verŝis bolantajn akvon kaj oleon, ne-estingitan kalkon kaj tiel plu sur la atakantojn. La rondaj kaj kvar-angulaj murturoj ne sufiĉis kontraŭ la pulvo-pafilegoj, tial oni konstruis de 1450 kvinangulajn bastionojn kun platformoj por la pafilegoj, aŭ oni konstruis rondelojn, rondformajn masivajn konstruaĵojn, kiel Kaiserturm en la fortikaĵo Gerolseck en Kufstein, 89 m diametre kaj kun 6 m dikaj muroj.

La pordego ne ludis jenan rolon kiel ĉe urbo-fortikaĵoj. Ili ofte estis simplaj kaj relative malmulte ŝirmataj. Antaŭ la pordego troviĝis plejofte levebla ponto kaj specialaj, rondformaj antaŭ-fortikaĵetoj kiel en Gars, Pöggstall en Niederösterreich.

Ekzistis diversaj kategorioj de muroj laŭ la destinita celo, inter ili ankaŭ bar-muroj kiel en Dürnstein, kiuj interligis la burgon kun la urbo aŭ baris la trairejon tra valo, aŭ kiel ĉe Burgo Mödling devis nur malhelpi al la malamiko la supreniradon en certa direkto.

La plej grava parto de la burgo estis la belfrido, 20—30 m alta turo kun 2—9 etaĝoj, kiu servis kiel observejo kaj lasta rifuĝejo en tempo de plej granda danĝero. Ĝi staris enmeze de la fortikaĵo aŭ ofte sur la atakflanko kiel en Lichtenfels ĉe Kamp, Hinterhaus ĉe Spitz aŭ sur la plej alta loko kiel en Frauenburg en Murvalo. Sed ekzistis ankaŭ burgoj sen belfrido kiel Aggstein ĉe Danubo. Unue la belfrido estis rondforma, poste ofte kun diversmultaj anguloj, tiel kvinangula en Finstergrün, ĝis okangula en Gars, triangula en Rauheneck ĉe Baden.

En la teretaĝo troviĝis la malliberejo, kiu estis alirebla de supre nur tra la „tim"-truo, tra kiu la malliberuloj kaj ties nutraĵo povis esti malsuprenkaj suprenlevitaj per haspelo. Ĉar la



Burgo Schlaining, Burgenland

belfrido nur servis kiel defendilo ĝi ne enhavis loĝejojn. Per tio ĝi diferenciĝas de la „loĝturo" defendebla, pli granda konstruaĵo de tursimila alteco kaj masiva konstruo kun fenestroj kiel sur Petersburg ĉe Friesach.

Sub la nomo „Palas" oni komprenis ĉe princaj burgoj la halegon kun la al ĝi suprenkondukanta perono, pli poste la tutan loĝdomon de la posedanto. La loĝdomoj ĉirkaŭis korton. En la teretaĝo estis la mastrumlokoj, ofte staloj, nek ekzistis vestiblo nek koridoro. La unuopajn hejteblajn ejojn oni nomis „Kemenate". Defendeblaj „palas"-oj ekzistis en Moosham, Gabelhofen ĉe Judenburg, Eppenstein ktp. Laŭregula fasado estis nekonata al la burgokonstruinto de la mezepoko. La fenestroj estis aranĝitaj laŭbezone sen konsidero de la laŭtempa stilo. Fenestraj krucoj el ŝtono ekzistis nur ekde la 13 jc. kaj lignaj nur ducent jarojn poste. Vitrado de la fenestroj



Burgo Freundsberg ĉe Schwaz, Tirolo

# Die zweite Sprache für Alle

Deutscher Teil der Zeitschrift „Oesterreichischer Esperantist“

Nr. 4 April 1935

Für Oesterreich jährlich mit Postzusendung S 1.—, Ausland S 1.60
Mit „Oesterr. Esperantist“ 8 Seiten Quartformat S 4.60, Ausl. S 5.60
Schriftleiter: Regierungsrat Hugo Steiner und Rudolf Ulbrich
Wien I. Neue Burg Konto bei der Postsparkasse D-123.826

## Aus aller Welt.

**Radio-Esperanto-Auslandsdienst.**

10. April: Reg.-Rat Steiner »Esperanto-Weltkongreß in Rom und die Vorkongresse in Österreich.

17. April: Walter Mudrak »Jugendwandern und Jugendherbergen in Österreich«.

24. April: Ernst Werner »Österreichs Wirtschaft im Aufbau«.

1. Mai: Erwin Gerhard Bernfeld »Brucknerfeier«.

**Esperanto-Staatsprüfungskommission in Niederlanden**. Das Niederländ. Ministerium für Unterricht, Kunst und Wissenschaft hat mit Z. 745. I. am 5. Februar beschlossen, den Inspektor für gymnasial- und mittleren Unterricht J. van Andel als königlichen Kommissär in die Niederländische Esperanto-Prüfungskommission zu entsenden, der auch die ausgestellten Zeugnisse mitunterschreiben soll. — Wir in Österreich besitzen schon seit 1925 eine eigene Staatsprüfungskommission für Esperanto mit Prüfungen für »Lehrbefähigung« und »Kenntnis für Esperanto« und erhalten die Kandidaten staatsgiltige Zeugnisse, die die Kandidaten für Lehrbefähigung berechtigen, den Unterricht an öffentlichen Schulen zu halten. Sitz der Kommission ist der Wiener Stadtschulrat.

An der **Staatsschule für Kunst und Gewerbe in Chalons-sur-Marne,** Frankreich, wird Esperanto unterrichtet. An diesem Kurse nehmen 50 Ingenieur-Kandidaten teil.

Ein **Esperanto-Werk wird jetzt in die 16. Nationalsprache übersetzt.** Das Radiotechnische Buch von Aisberg-Paris »Endlich verstehe ich das Radio!«, das in Esperanto geschrieben, nachher in 15 Nationalsprachen übersetzt wurde, wird jetzt in die 16. nämlich in die niederländische Sprache übersetzt. — Wenn man mehr das Esperanto pflegen würde, dann würde man dieses gute Buch in Esperanto genießen können.

Ein **staatlicher Esperanto-Kurs in USA.** Die Regierung der Vereinigten Staaten Amerikas hat ein Bildungsprogramm für Erwachsene aufgestellt und im Rahmen dieses Programmes ist nun der erste Esperanto-Kurs in der Stadt Seattle eröffnet worden.

**Prinzessin Alice von Griechenland** beschäftigt sich schon lange Zeit mit Esperanto, hat es aus eigenem Antriebe gelernt und bezieht Esperanto-Zeitschriften, um auf dem Laufenden zu sein.

Esperanto bei den **Wiener Straßenbahnschaffnern.** Die Direktion hat offiziell diese Kurse in die Wege geleitet, den Direktions-Sitzungssaal hiefür zur Verfügung gestellt und auch angeordnet, daß die Teilnahme an diesen Kursen durch Dienstverschiebung ermöglicht wird.

Der Präsident der **Internationalen Mustermesse in Rio de Janeiro**, Brasilien, Laercio Prazeres äußerte sich folgendermaßen: »Unsere Verwaltung hat eine große Propaganda für die Messe gemacht und ich mache besonders auf die ausgezeichneten Erfolge aufmerksam, die wir vermittels der Esperanto-Prospekte haben. Mit Vergnügen stelle ich das dadurch geweckte Interesse in der ganzen Welt fest und die wertvolle Mitarbeit der Esperanto-Gesellschaften.«

**Esperanto - Schlüssel** in kroatisch-serbischer und portugiesischer Sprache sind soeben in neuer Auflage erschienen. Diese Esperanto-Schlüssel sind 30-seitige Büchlein für die Westentasche nach einem genauen Muster gearbeitet, und enthalten in Kürze die Esperanto-Sprachlehre und ein kleines Wörterbuch in der betreffenden Sprache. Diese Büchlein sind bereits in 40 Sprachen erschienen. — Wenn ein Esperantist in Oesterreich an eine Adresse zum Beispiel in Persien einen Esperanto-Brief schreibt, weil er irgendwelche Auskünfte wünscht und der Empfänger hat keine Ahnung von Esperanto, so legt er ihm einen solchen persischen Schlüssel bei und der Empfänger kann den Esperanto-Brief mit Hilfe dieses Schlüssels sich in seine Sprache übersetzen.

Esperanto bei den **Straßenbahnschaffnern in Dresden.** Diejenigen Schaffner, die das Esperanto-Abzeichen auf der Uniform tragen wollen, müssen eine Prüfung über Esperanto ablegen.

## Post und Esperanto.

Am Sitze des Internationalen Esperanto-Cseh-Institutes in Arnhem, Niederlande fand ein Sonderkurs für Bedienstete für Post-, Telegrafen- und Fernsprechwesen statt. Bei der Eröffnung dieses Kurses, der stark von ausländischen Postangestellten besucht war, hielt der Generaldirektor der Niederländischen Post- und Telegrafenverwaltung folgende Ansprache:

»Mit Freude heiße ich die große Teilnehmerzahl des Esperantokurses im Telefonamt Arnhem willkommen. In erster Linie danke ich dem Herrn Bürgermeister von Arnhem, welcher sein großes Interesse durch seine Anwesenheit kundgibt. Besonders begrüße ich die ausländischen Gäste. Ich spreche in niederländischer Sprache, aber es ist möglich, daß ich selbst Esperanto lernen werde, denn nach allem, was ich bisher gesehen habe, habe ich großes Interesse an Esp. gewonnen.

Man kann Esperanto von verschiedenen Seiten betrachten. Man kann sagen, daß Esperanto das beste Mittel ist, die Völker untereinander in Verkehr zu bringen. Die Post und Telegrafie hat dasselbe Ziel. Die Post ist eine bewunderungswürdige Organisation, aber es fehlt ihr an dem richtigen Verständigungsmittel. Esperanto kann daher das ganze Tätigkeitsfeld der Post auf breitere Grundlagen stellen. Hoffen wir, daß die Sprache zum Erfolg kommen wird.

Vom praktischen Standpunkt aus gesehen hat Esperanto noch andere Vorteile. Die Post-, Telegrafen- und Fernsprechsachverständigen müssen oft international miteinander verkehren und die sprachliche Verschiedenheit ist ein großes Hindernis. Im Weltpostkongreß zu Madrid waren fürchterliche Schwierigkeiten. In der ersten Sitzung konnte kein Punkt behandelt werden. Man verhandelte nur über die anzuwendende Sprache! Schließlich war das Ergebnis dieser Sitzung die Annahme, daß diese Frage nicht gelöst werden könne. Während des ganzen Kongresses mußten, weil ein Übereinkommen nicht erzielt werden konnte, Dolmetscher herangezogen werden. Auch für die Zukunft entschied man nicht, welche Sprache bei den nächsten Kongressen gebraucht werden solle. Man wird die Lösung niemals finden, denn die Völker werden stets aufeinander eifersüchtig sein und keines wird die Sprache des anderen dulden. Wir dürfen daher nicht mehr eine nationale, sondern eine neutrale Sprache gebrauchen, um die Gefühle der Völker zu schonen, und damit endlich eine enge internationale Zusammenarbeit zu ermöglichen. Auch für den immer dichter werdenden Reiseverkehr brauchen wir eine Sprache, die man überall verwenden kann.

Was die Post betrifft, so hoffe ich, daß über jedem Schalter eine Tafel hängen wird: Oni parolas Esperanton.

Deshalb ist es gut, daß sich die Postbeamten für Esperanto interessieren und ich wünsche diesem Kurse besten Erfolg.

## Esperanto in Afrika.

Kapitän Sayons des Kolonialinfanterieregimentes Sayons in Tanarive auf der Insel Madagaskar hat unter dem Vorsitze des Obersten-Regimentskommandanten einen Vortrag über Esperanto gehalten. Nachfolgend hat ein Esperanto-Kurs begonnen.

**„Zentralblatt für Feuerbestattung“**. Berlin brachte einen Auszug aus unserem Artikel »Bali« von A. Haccou, (unserem Korrespondenten aus Batoe, Malang, Niederl. Indien).

## Esperanto aŭ la angla lingvo?

Kutime pledas por la akcepto de la angla lingvo kiel estonta lingvo internacia tiuj personoj, kiuj mem scipovas ĝin kaj pro tio esperas gajni el ĝia alpreno aŭ almenaŭ ne riskas perdi.

Kial mi do subtenas Esperanton kaj ne proponas mian gepatran lingvon kiel solvon?

Oni ne forgesu, ke bezonata estas lingvo ne sole por homoj kleraj kaj edukitaj, sed lingvo por kiu ajn homo kaj por kia ajn celo. La elektota lingvo devos esti treege simpla kaj taŭga por ordinaraj senkapabluloj. La solvo postulas lingvon: 1. tre simplan regulan, 2. sufiĉe logikan, sed flekseblan sen idiotismoj 3. plene esprimopovan. Tiujn kondiĉojn la angla ne plenumas. Ĝiaj vortoj havas tiom da kontraŭaj signifoj, ĝiaj ortografio kaj elparolo estas tiom ĥaosaj, ke tio turmentas dum tuta vivo la anglojn mem. Lingvo, tiel komplikita, restas komprenebla nur, se oni tre lerte traktas ĝin. Male — Esperanto kun siaj klare difinitaj vortoj kaj logika fundamento donas idealan bazon por internacia lingvo.

Ĉiuj provoj simpligi la anglan ortografion, por fari la lingvon pli taŭga, plene malsukcesis, kaj la pretendoj de Basic English montriĝis ridindaj kaj absurdaj. 850 vortoj sufiĉas laŭ ties aŭtoro por modernaj bezonoj! Mankas eĉ tre oftaj vortoj kaj ne eblas, ke oni devas diri »an animal that says hee-haw!« (Besto kiu diras ia, ia-imito de azenbleko).

Per esperanta vortfara sistemo eĉ komencanto, kiu lernis nur dum kel-

## Esperanto oder die englische Sprache?

Gewöhnlich treten für die Annahme der englischen Sprache als künftige internationale Sprache jene Personen ein, welche sie selbst sprechen und dadurch hoffen, aus ihrer Annahme Gewinn zu ziehen oder wenigstens nichts zu verlieren riskieren.

Warum also unterstütze ich Esperanto und schlage nicht meine Muttersprache als Lösung vor?

Man vergesse nicht, daß eine Sprache nicht nur für aufgeklärte und gebildete Menschen benötigt wird, sondern eine Sprache für irgendeinen Menschen und für irgendeinen Zweck. Die auszuwählende Sprache wird außerordentlich einfach und für alle gewöhnlichen Personen ohne Fähigkeiten tauglich sein müssen. Die Lösung verlangt eine Sprache: 1. die sehr einfach, regelmäßig ist, 2. genügend folgerichtig, aber biegsam ohne Sprachsonderheiten, 3. voll ausdrucksfähig. Diese Bedingungen erfüllt die englische Sprache nicht. Ihre Worte haben so viele gegenteilige Bedeutungen, ihre Rechtschreibung und Aussprache sind so chaotisch, daß dies die Engländer selbst während ihres ganzen Lebens quält. Eine solch verwickelte Sprache bleibt nur verständlich, wenn man sie geschickt behandelt. Esperanto — im Gegensatze —, mit seinen klar festgelegten Worten und seiner logischen Grundlage gibt eine ideale Grundlage für eine internationale Sprache.

Alle Versuche die englische Rechtschreibung zu vereinfachen und die Sprache tauglicher zu gestalten, hatten vollen Mißerfolg und die Forderungen von Basic Englisch erwiesen sich als lächerlich und sinnlos. 850 Worte genügen laut dessen Verfasser für moderne Bedürfnisse! Es fehlen sehr häufige Worte und es geht doch nicht, daß man sagen muß »ein Tier, das ia sagt« (Nachahmung des Eselschreies).

Vermittels des Esperanto-Wortbildungs-Verfahrens ist selbst der An-

kaj semajnoj, kapablas el 500 radikoj fari 2—3000 vortojn.

Multfoje mi uzis la anglan lingvon kun svedoj kaj danoj, kiujn mi povis bone kompreni, ĉar la plej multaj el ili eldiris unu-du vortojn ĉiun duan minuton! Ĉu ili komprenis min? Post peniga ripetado ofte ekzistis miskompreno. Jen ekzemplo: Pasintan aŭguston mi veturis per trajno tra Danujo al Stockholm. Antaŭmendinte 42 manĝojn antaŭ ol surŝipiĝi en Helsingör oni fine trovis 24 pretigitajn, kvankam la mendo estis malrapide ripetata por eviti eraron!

Sed ĉu la politikistoj kaj diplomatoj mem (certe pli lertaj ol la plej multaj) fidas al la angla pro sia majstreco de tiu lingvo? Se jes, kion faras la ĉieaj interpretistoj, kiuj dediĉas multajn jarojn al la lernado de lingvoj, ekzemple dum konferencoj kaj en la Palaco de Ligo de Nacioj en Genève?

Fine la skribanto uzis Esperanton pli ol dek jarojn kaj parolis kun homoj de almenaŭ 15 diversaj lingvoj kun plena facileco — kaj lernis la lingvon dum 4 monatoj per poŝta kurso!

La homoj fieras, ke le posedo de lingvo levas ilin alten super la bestoj. Sed kiom alte ili staras, se pro la multeco kaj konfuziĝoj de lingvoj ili ne kapablas kompreni unu la alian?

I. K. Pope, Anglujo.

fänger, welcher nur wenige Wochen Esperanto lernte, in der Lage aus 500 Wurzelwörtern 2—3000 Wörter zu bilden.

Oftmals benützte ich die englische Sprache mit Schweden und Dänen, die ich gut verstehen konnte, denn die meisten von ihnen sagten ein-zwei Wörter jede zweite Minute! Ob sie mich verstanden? Nach mühevollem Wiederholen gab es oft Mißverständnis. Hier ein Beispiel: Im vergangenen August fuhr ich mit dem Zug durch Dänemark nach Stockholm. Nachdem man vor der Einschiffung in Helsingör 42 Mahlzeiten vorausbestellt hatte, fand man schließlich 24 vorbereitet, obgleich die Bestellung langsam wiederholt worden war, um einen Irrtum zu vermeiden!

Aber ob die Politiker und Diplomaten selbst (sicherlich viel geschickter als die meisten) der englischen Sprache ihrer eigenen meisterhaften Beherrschung dieser Sprache wegen vertrauen? Wenn ja, was machen dann die überall befindlichen Dolmetscher, die viele Jahre dem Studium von Sprachen widmen, zum Bespiele bei Konferenzen oder im Völkerbundpalast in Genf?

Schließlich benützte der Schreiber Esperanto mehr als 10 Jahre hindurch und sprach mit Menschen von wenigstens 15 verschiedenen Sprachen mit voller Leichtigkeit — und lernte die Sprache in 4 Monaten durch Briefkurs!

Die Menschen sind stolz darauf, daß der Besitz der Sprache sie hoch erhebt über die Tiere. Aber wie hoch stehen sie, wenn sie wegen der Vielheit der Sprachen und der sprachlichen Verwirrungen nicht in der Lage sind, einer den andern zu verstehen?



Eigentümer, Herausgeber und verantwortlicher Redakteur: Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Druck: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.